


# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)




EN LA NUMERO:



JARO • 27 • 1988 N-RO 1

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

PREZIDANTO - Walter Haberl, Radio Wien, Esperanto-redakcio ORF, poŝtfako 700, A-1041 WIEN Aŭstrio

VICPREZIDANTO - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. Borovo, bl. 219, lv. B, BG-1680 SOFIO, Bulgario

ĜENERALA SEKRETARIO - Donĉo Ĥitrov, str. Ĥan Asparuh 61 BG-1000 SOFIO, Bulgario, tel.: 88-30-82

SEKRETARIO-KASISTO POR OKCIDENTAJ LANDOJ - D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, CITADELLA (Padova), Italio

ESTRARANOJ -

Lech Kosieniak, ul. Piekna 16 b/9, PL-00-539 WARSZAVA, Pollando.

Joachim Schulze, Ringstrasse 71, DDR-7010 LEIPZIG, GDR

Vasilij Stanoviĉ, str. Samborska 78, kv. 34, 293720 DROGOBIC, Lvovskaja oblastj, Sovetunio (5614)

Stano Marĉek, Red. "Esperantisto Slovaka", Sobotské nám. 6, CS-058 01 POPRAD, Ĉeĥoslovakio

Evgeni Georgiev, str. Baĉo Kiro 35, II, BG-1202 SOFIO, Bulgario

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro - Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 SOFIO, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario, tel. 56-58-77

KOREKTIS: Jordanka Keremidĉieva

ENHAVO de n-ro 1-1988



Sur la unua kovrilpaĝo: La estraro de TEĴA dum la ĝenerala konferenco de la organizajo enkadre de la 72-a Kongreso de UEA en Varsovio, 1987. Foto: V.Stanoviĉ, USSR

# 1988 DAŬRIGU LA ATINGOJN DE ELSTARA 1987

Humphrey Tonkin, prezidanto de UEA

Kiel ajn oni konsideras, la jaro 1987 estis elstara jaro por Esperanto. Tra la tuta mondo ene de lokaj grupoj kaj landaj asocioj oni digne festis la centjariĝon per specialaj publikaj kunvenoj, jubileaj kongresoj, eldonaĵoj kaj, plej grave, informa laboro. La kvanto de artikoloj, kiuj aperis tra la mondo, estis senprecedence alta, kaj la atento, kiun ĝi ricevis ĉe la publiko kaj la formantoj de la publika opinio estis pozitiva kaj impona.

La historio de la Jubileo vere komenciĝis en 1985, kiam la Ĝenerala Konferenco de Unesko akceptis rezolucion favoran al Esperanto, precipe dank' al la energia laboro de nia kolego Tibor Sekelj. Ĝi iasence kulminis en Varsovio en julio, kiam sesmil homoj el ĉiuj mondpartoj kolektiĝis en la plej granda kunveno de parolantoj de Esperanto en la tuta historio de la lingvo.

La laboro daŭras. Dum la venontaj monatoj aperos ĉe UEA tuta lavango da eldonaĵoj. Okazos lą unua kunsido de la organiza komitato de la Centro Zamenhof en Bjalistoko. En pluraj landoj oni planas agadojn ligitajn al la Jubileo, kiuj tamen okazos en la venontaj monatoj. Efektive, oni devas atenti, ke la jaro 1988 ne estu jaro de ripozo, ke la granda rapidiĝo kaj intensiĝo de nia agado en 1987 reprezentu ne izolitan kulminon, sed novan ŝtupon en nia progreso.

La Estraro de UEA, aŭdinte raportojn pri la imponaj sukcesoj ligе kun la Jubileo en 1987, lastatempe decidis formale fermi la Jubileon per speciala ceremonio dum la Universala Kongreso en Roterdamo. Intertempe UEA daŭrigos la jubilean agadon – tiel ke nia jubilea periodo daŭros ĝis la oficiala fermo en julio. Ni alvokas al ĉiuj organizaĵoj ligitaj al UEA, kaj al ĉiuj aliaj Esperanto-organizaĵoj, daŭrigi la laboron, kaj eĉ plani novajn agadojn, por la Jubileo 1987-88.

Mi kredas, ke mi esprimas la dankemon de ĉiuj niaj kolegoj, se mi kvazaŭ formale dankas tiujn, kiuj per tiel granda fortostreĉo progresigis nian movadon en 1987. La jaro 1988 estu jaro de daŭrigo kaj de novaj atingoj. La jubileo plu progresu.

E-ĴURNALISMAJ SERĈOJ KAJ RESPEGULOJ EN E-HISTORIO

(Daŭrigo de n-ro 4/1987 de "I.Ĵ")

Sekve necesas majstri la historion kaj evidente, tion antaŭ ĉiuj devas kapti la ĵurnalistoj. Do ni komencu. Kaj ni komencu "ab ovo". Kion prezentas la historio de la E-movado? Ni provu dismeti la tutan kategorion por povi kapti la komplekson kaj kompreni ties specifon. La komplekso konsistas el: A-Homoj; B-Lokoj; C-Eventoj; D-Kolektivoj; E-Institucioj; F-Presaĵoj;G-Analoj; H-Materiaj restaĵoj-atestoj de eventoj. En la pozicioj F kaj G precipe reliefe akumuliĝas la donitaĵoj de la historio kaj tre klare sentiĝas ties ligo kun ĵurnalismo.

Kaj se iaparte oni ankoraŭ povas ekstrakti iujn komponaĵojn de ekzistantaj nun vivaj homoj, tamen la ĉefa fonto jam estas papero, eble, en iu grado ankaŭ iuj aliaj materialoj: ŝtono, ligno, fero (kaj ĝenerale metaloj), eble ankaŭ teksaĵoj. Sed ĉiuokaze la ĉefa fonto de historiaj informoj estas papero: literaturo perioda kaj epistola. Kaj elserĉo kaj ordigo de la tuta komponantaro de historiaĵoj kaj historieroj estas jam scienco kaj scienca laboro. Sekve necesas en ĵurnalistaj rondoj popularigo de la esenco de historia scienco. En niaj E-rondoj estis granda majstro de scienca organizo de scienca laboro. Tio estis profesoro S.S.Ĉaĥotin. Kaj mi volus prezenti la kontribuon de tiu biofizikisto en scienca organizo de scienca laboro. Laŭ ties kompreno la scienca organizo de la laboro konsistas el du sferoj. A - Kreo de operativa aparato de organizo de la laboro kaj B - Kreo de strategia aparato. La operativa koncernas nun faratan laboron. La strategia koncernas la faritan kaj farotan.

Mi ankaŭ volus senpere adapti la metodon el E-historio (preninte ĝin el biofiziko). Nu, operativa procedo rilatas al la farata historio. Ĝi estas fiksata en perioda literaturo kaj en epistola literaturo.Tial pli aktualan signifon havas la strategia aparato. Kaj por ajna prezento de historio necesas antaŭ ĉio krei celkonforman aparaton, kiu povu helpi en ajna prezento, ĉu ona, ĉu revua historia materialo.

La ĉefa kolektejo, science prilaborita, konsistas el "te-

koj": I - Biblioteko; 2 - Paperuj-teko; 3 - Kartoteko; 4 - Leteroteko; 5 - Fototeko; 6 - Sonbendo-teko; 7 - Filmoteko; 8 - Vido-teko; 9 - Rekvizitoteko (emblemoj-blazonoj-flagoj-glumarkoj-insignoj-filatelaĵoj) kaj fine laŭ termino de S.S.Ĉaŭotin "Urnoteko" por materialoj, kies aparteno ankoraŭ ne estas klara - ties destinon difinos la studo.

Certe la zorgo de ĵurnalismo estas diskonigi la sciencon de la historio - Kreo. Sed okupiĝi pri tio devas E-kluboj, kies membroj parte estas ankaŭ ĵurnalistoj. Kaj tiuj kluboj, kiuj jam ĝiskreskis la nivelon, kiam ili povas dediĉi certan forton al historio, devas antaŭ ĉio pripensi, kiel krei la aparton de historio-studo. Sendube plej bone destinitaj por tio estas muzeoj ekzemple Hofburga muzeo en Vieno, aŭ la kreata E-muzeo en Estonio.

En kio restis postsignoj de E-agado? En arkivoj, leteroj, monumentoj (en vasta senco kiel memor-objektoj), libroj kaj periodaĵoj. Kiel perioda, tiel ankaŭ epistola (en granda parto) literaturo estas ĵurnalista laboro. Tial ĝuste ĵurnalistoj devas iniciati la revivigon de la historio. Inter aliaj formoj ankaŭ gravas aranĝi en presorganoj rubrikojn pri la historio.

La historio lumigos multajn lokojn, sferojn, formojn, ĝenerale sperton de la pasinto kaj per tio kaj samtempe lumigos vojon al la estonto.

Kaj E-ĵurnalistoj-historiistoj, evidente havas specifan avantaĝon kaj perspektivon apliki sian profesian konon, kiu de nun estu jungita en la triumfan ĉaron de la Movado.

N.DANOVSKIJ

## LA JUBILEA JARO EN JUGOSLAVIO

Minimume 5 milionoj da jugoslavoj spektis televidan kvizelsendon la 11-an de decembro 1987, dediĉitan preskau entute al Esperanto. Tiu estis nur unu ero el la informa inundego dum la jubilea jaro, kiu ampleksis pli ol 150 artikolojn, 200 radio-elsendojn kaj 15 televidajn prezentaĵojn. Du jugoslavaj grandaj ĵurnaloj publikigis felietonojn pri Esperanto: "Večernij list" de Zagreb, la plej granda lau eldonkvanto en la lando, publikigis felietonon de Spomenka Ŝtimec kaj "Oslobodenje" de Sarajevo felietonon de Smail Grbo.

KUN RENESANCA VERVO
(Daŭrigo de n-ro 4/1987 de "I.Ĵ")

En tiuj tagoj aperis la ĉefartikolo "POPOLO DE MOLUSKOJ, AŬ POPOLO DE HEROOJ" - en n-ro 5-6, V-VI, 1941. Ĝuĝev ree utiligas "ezopan lingvaĵon" - li ne povas alimaniere. La cenzuro staras kiel Demokla glavo super lia plumo. Kaj li alvokas: "Ĉiu esperantisto devas plenkonscie kaj libervole elekti inter alternativo: aŭ ĵeti la batalilon meze de la vojo al sia venko, aŭ kapitulacii antaŭ la embarason (la tiel nomataj "malfavoraj cirkonstancoj")... neniu milito daŭras eterne... Esperanto konkeros la mondon, kiel la kristanismo konkeris la Roman Imperion. La triumfo de nia idealo ne estas malproksima". Kaj li finas: "La esperantista popolo estu nek amaso da moluskoj, nek svarmaĵo de kampvermoj... Ĝi estu popolo de herooj."

Vere estas, ke esperantistoj fariĝis herooj. Ni devas prememori iujn bulgarajn nomojn: Vela Piskova, Angel Petkov - Anĝelo, Nikola Ŝopov, Nikola Botuŝev, Vela Peeva, d-ro Vârban Genĉev, Ĥristo Kârpaĉev, Dimitâr Kaljaŝki, Diĉo Petrov, Atanas Manĉev, Penka Mihajlova kaj multaj aliaj bravaj E-pereintoj. Profunda filozofio estas ankaŭ en lia ĉefartikolo "NIA KULTURHISTORIA MISIO", en "BE", n-ro 7-8, IX-X, 1941. Post la klarigo de la vorto "kulturo" kun la latinlingva verbo Ĝuĝev tuŝas la "internan ideon" de la esperantismo, sed li havas alian celon... Tiu, kiu scias legi "inter la linioj", komprenas lin... "La esperantista kulturo... ĝia nova sento: e s p e r o p r i f e l i ĉ a e s t o n t e c o, pri perfekta sociekonomia ordo" Kaj poste: "...Post la detruo kaj dezertigo - antaŭ ni, esperantistoj, montriĝos nia granda kaj nobla kulturhistoria misio", tial nun estas bezonaj: "...heroaj agoj kaj venkoj en la batalkampo de la progreso".

„La milito, kiu furiozas ĉirkaŭ ni, devas almenaŭ nin instrui pri metodoj, strategio kaj taktiko" - skribas Ĝuĝev en sia ĉefartkolo "DANĜERAJ SUPERSTIĈOJ" en n-ro 9-10, XI-XII, 1941. Senapelacie li estas kontraŭ senespereco, timo, dubo, hezito, egoismo, profitemo, deflankiĝo, perfido... Li pledas por organiza disciplino, por kuraĝo, abnegacio, persisto, idealismo... Ti-

el, kiel estis batalintoj Levski, Rakovski, Karaĝata... renesanculoj.

Prof. d-ro Stojan Ĝuĝev ne bezonas multe da loko por diri tion, kion li deziras. En la novjara ĵurnalo "ESPERANTO", n-ro unika, en bulgarlingvo, por 1942 j., aperinta sub la redaktado de Ivan Keremidĉiev-Esperov, Violin Oljanov kaj Konstantin Bujukliev, en sia novjara bondeziro, Ĝuĝev skribas: "En nuna momento de politikaj, sociaj kaj ekonomiaj katastrofoj, la Esperanta movado estas Arkeo de Noa, en kiun trovos rifuĝejon ĉiuj kreaj fortoj. Al ili mi bondeziras sukceson kaj kuraĝon dum la Nova jaro!..."

Ankoraŭ en unua sia ĉefartikolo por la Nova jaro - "LA LINIO "ESPERANTO" en "BE" n-ro 1-2, I-II, 1942. Li observas simbole unuiĝintajn popolojn kontraŭ la naciismo. Inter ili "interne bolas vivo, ŝprucas ĝojo kaj entuziasmo, krakas laboro: L a n o v a j h o m o j k o n s t r u a s l a n o v a n h o m a r o n", "...ĉar neniu idea movado estas pli sekura ol tiu, kiun ŝirmas kaj aktivigas la espero".

En sia ĉefartikolo "SENINTERROMPA STREĈO DE LA FORTOJ" en "BE" - n-ro 3-4, III-IV, 1942 d-ro Ĝuĝev demandas retorike: "Kiu gajnos la venkon kaj kiu diktos sian volon al la tuta homaro?" Kaj li tuj respondas: "La venkon en la nuna grandioza batalo gajnos ni, esperantistoj! Nia movado fine diktos sian volon kaj sian pacon... Liberigonte la homaron el tiu ĉi apokalipsa plago". "La lingvo estas nia sola batalilo kontraŭ la mallumaj fortegoj en la mondo... plej ofte tiu ĉi nemateria batalilo montriĝas pli efika ol la longdistanca artilerio kaj ol la pezaj bombardaj flugmaŝinoj".

Sed li rememorigas: "... por iĝi kapabla je tia grandioza misio, nia movado devas esti interne forta kaj unueca...absoluta neceso de organiza laboro..."

Kaj la lasta ĉefartikolo de prof. Ĝuĝev "NIA INTERNA DISCIPLINO" - "BE", n-ro 5-6, V-VI, 1942 estas ankaŭ signifoplena. Ankoraŭ en la komencaj linioj ni legas: "Ni ofte ŝatas paroli pri la esperantista regno kaj popolo, pri nova mondo kaj kulturo, pri unuigita homaro..." "La sorto de la esperantismo... de la kaprico de iu ajn hazarda fripono, kiu volas... neniigi nian movadon". Kaj Ĝuĝev montras la vojon: "La plej efika rimedo por asekuri nian movadon kontraŭ tiuj surprizoj estas la

kreo de granda, forta, kompakta kaj spirite unueca esperantista popolo", tial: "...Unue ni devas prizorgi nian internan disciplinon - ĝi estas pli grava ol ĉia propagando..."

La graveco de la publicistiko de prof. d-ro Stojan Ĉuĝev konsistas en tio, ke ĝi aperiĝis en tempo, kiam la Hitler-maŝino estis en supreniro, sed kaj tiu maŝino komencis fari difektojn... Elpensas simbolojn, egalkonsideras la esperantismon kaj la esperantistojn kun la ideo de la antifaŝista koalicio en la batalo kontraŭ la naciismo kaj faŝismo, pri ilia unueco kun la progresemaj homoj en la tuta mondo..

En tiu tragika tempo prof.d-ro Stojan Ĉuĝev esprimis veran civitanan kuraĝecon.

La antifaŝista esperanto-publicistiko de prof. d-ro Stojan Ĉuĝev restos luma paĝo en la esperantista gazetaro por eternaj tempoj!...

Dimo TRUDOLJUBOV

---

PEN-KLUBANOJ PRI LA INTERNACIA LINGVO

Dum la 50a kongreso de PEN-klubo profesoro Tibor Sekelj demandis diverskontinentajn verkistojn pri iliaj opinioj koncerne Esperanton. Farah Nuruddin, romanverkisto el Somalio, multe vojaĝas kaj konsideras la mondon sia hejmlando. "Laŭ mia opinio la adeptoj de E devus labori pli multe por ĝia diskonigo. Mi scias, ke ĝi kostas multe da mono, sed se vi volas sukcesi, vi devus havigi tiun kapitalon. Ekzemple mi scias, ke multaj verkistoj verkas en Esperanto, sed mi ne konas la nomon eĉ de unu tia verkisto, nek mi legis unu libron tradukitan el Esperanto. Alia afero, kiun mi konsideras grava, estas la instruado de E en lernejoj, universitatoj kaj ankaŭ en liberaj kursoj. Se la verkistoj povus esti certaj, ke per E ili povus pligrandigi sian legantaron, multaj el ili lernus E-on por verki en ĝi kaj komunikiĝi samtempe kun la tuta mondo.

(Literatura Foiro, n-ro 105)

El "Budapeŝta Informilo", n-ro 11/1987

ESPERANTISTO ESTU ESPER-ANTO!

Joachim Schulze, Leipzig (GDR),
redaktoro de "SAKSA KURIERO", membro de TEĴA-estraro



Iu iam konstatis, ke ĉiu esperantisto sentas la nepran bezonon redakti gazeton. Miakaze tiu ulo pravis. Mi redaktas revuon esperantlingvan, kvankam malampleksan kaj malmulte oftan, nome la gazeteton "SAKSA KURIERO". Mi ricevis tiun taskon hazarde kaj kontraŭvole. Iutage antaŭ mia pordo staris esperantisto, kiu tiutempe redaktis la bultenon "Komuna Esperanto-Informilo". Li kunportis pakaĵojn da papero kaj persvadis min: "Ekde nun vi redaktu la bultenon, mi ne plu havas tempon..." Malaperis kaj postlasis min konsternite. Mi eĉ ne sukcesis obĵeti, ke mi estis esperantisto de nur 18 monatoj...

Tio okazis antaŭ tri jaroj. Intertempe el la iama bulteno fariĝis gazeteto, el la antaŭa titolo la nova "SAKSA KURIERO", el malgrandkvanta kaj malmulte konata foliaĵo fariĝis rekonita eldonaĵo leipziga, kiu estas legata en pli ol 50 landoj de la mondo. Tiu ŝajna sukceso ne estas artaĵo, vere ne. Mi estas ĵurnalisto kaj grafikisto. Dum jaroj mi laboris en diversaj gazetredakcioj, ĵurnaliste kaj grafikiste. Do, intertempe mi iomete fakuliĝis pri eldonado kaj redaktado de gazetoj - sed: de germanlingvaj! Ho, ve! Mi nepre devis (kaj ankoraŭ ĉiam devas!) plibonigi miajn lingvajn konojn. Mi tiutempe, je la komenco de mia esperantlingva "kariero" kiel redaktoro, tre timis tiun novan taskon, verdire. Mi estas ekzaktemulo kaj hatas duonaĵojn. Miaj mankaj lingvaj spertoj fartigis min analfabeto. Sed alproksimiĝis helpo! D-ro Erich-Dieter Krause, membro de la Akademio de Esperanto, transprenis la malfacilan taskon lingve kontroli mi-

ajn skribaĵojn. La avantaĝo estas klara: Mi lernas el miaj propraj eraroj! Kaj nun mi ĝuas, kiam mi ricevas manuskripton de mia lingva revizoro sen iaj ruĝaj marĝenoj. Tiamaniere mi multon (eĉ devige!) lernis kaj lernas. Metodo, kiun mi nepre povas rekomendi!

Mi jam aludis, ke nia gazeteto (la "-et" -on mi uzas, ĉar nia revuo nur aperas sesfoje jare, ĉiu numero estas okpaĝa) antaŭen saltis. Ĉu mi havas recepton? Eble tre simplan. Mi aperigas gazeton, kiu grafike aspektas tiel, kiel mi mem deziras ekhavi gazeton kaj informas stile pri okazintaĵoj tiel, kiel mi mem deziras legi tiaspecajn artikolojn. La tekstoj ne estu tiel bombastaj kaj ampleksaj. Kiu jam posedas tiom da tempo por legi longegajn monstraĵojn? Mi ne - kaj la plimulto de nia legantaro certe ankaŭ ne. Kaj oni spicu la tuton iomete per humuro - la vivo, eĉ de esperantisto, ne estas nur verda kaj mieleca. La vivo tre ofte estas malafabla - tial ne mankas en "SAKSA KURIERO" distraĵoj kiel krucenigmoj, humuraĵoj, anekdotoj, kiuj ne nepre rilatu al Esperanto. Ne, ni celas pli kaj pli informi pere de Esperanto pri ĉio ajn. Ankoraŭ kontraŭas la malamplekseco de nia gazeteto al tio - pli da paĝoj jam estus bonvena ĉiela donaco. Sed: Esperantisto ja estu esperantisto (aŭ almenaŭ esper-anto!).

La reagoj de nia legantaro estas ampleksaj kaj atingas nin el ĉiuj anguloj de nia terglobo. Komence ni miris pri la multfaceta legantaro kaj pri la multaj pozitivaj reagoj (nekalkulite la skribaĵojn de tiuj eternaj ĉiosciantoj, kiuj ripete kritikas la redakcion - ĉiu redaktoro de la mondo konas tiuspecajn "amikojn". Intertempe ni kutimiĝis al la laŭdoj kaj legas ilin kaj ne plu aperigas ilin en la rubriko "El leteroj al ni" sed... ĵetas ilin paperkorben! Ofte nome la laŭdoj estas tiom troigitaj, ke ni flame ruĝiĝas dum la legado. Ĉu esperantistoj tro facile estas kontentigeblaj per normalaĵoj? "SAKSA KURIERO", miaopinie, ne estas avangardaĵo, sed tute normala gazeteto kun malfortaĵoj kaj fortaĵoj. La redakcio ne estas kontenta - nur bone tiel! Kiu estas kontenta, tiu jam rezignis pri plibonigado. Ne, ni ankoraŭ posedas multajn realigendajn ideojn. Unu el ili estas de teknika naturo. Nia gazeteto, ĝis jarfino de 1987 estis kompostita fotokompostaĵe. Brilega afero, sed tro longdaŭra kaj multekosta. Nia gazeteto malaktualiĝis (kaj nenio

estas pli malbona ol malaktualiĝinta gazeto, ĉu ne?) kaj la kostoj starigis niajn hararojn. Solvo estis nevidebla.

Dum elektokonferenco de nia Esperanto-Asocio en Leipzig mi publike plendis dum diskutado pri tiuj malagrablaĵoj kaj diris, ke la solvo povus esti elektronika tajpilo, per kiu oni povus ŝajne "komposti" la gazeton sen perdi monon, tempon kaj la nunan rekonitan grafikan aspekton. Tia maŝino estas terure multekosta - inter 3000 kaj 5000 GDR-markoj! Subite leviĝis oldulino kaj klarigis: "Mi tre volonte donacus al "SAKSA KURIERO" tian tajpilon!". Kaj de kelkaj monatoj en nia redaktejo staras tia moderna tajpilo! La maljunulino realigis sian promeson kaj havigis al ni tiun multekostan aparaton. Ni intertempe aktivigis kelkajn eksterlandajn esperantistojn por ke ili aĉetu por ni modernajn (kaj facile ŝanĝeblajn) tiporadojn. Simplaĵo estas tiel ŝanĝi la literspecojn kaj produkti kompostece bonaspektan gazeton. Ni nun povas ŝanĝi la enhavon - aŭ pliaktualigi ĝin - ĝis la lasta minuto. Esti pli aktuala ne eblas. Kaj nun ni respondecas pri la tuta gazeteto, nome enhave kaj grafike. Se nun ankoraŭ iu grandanimul(in)o donacus al ni iun komputilon... tiam ni estus absolute feliĉaj. Kiel jam skribite: Esperantisto estu esperanto...!

---

## DOCENTIĜO DE D-RO DETLEV BLANKE

**La ministro pri altlernejaj kaj faklernejaj aferoj de GDR la 1-an de februaro 1988 nomumis d-ron sc. Detlev Blanke "Honoraria docento" por interlingvistiko en Humboldt-Universitato de Berlino". Per tio la fako "Interlingvistiko" estas oficiale ligita al la sociscienca fakultato de la Universitato. La docenteco ebligas certigi sisteman prelegadon kaj instruadon, stimuladon de diplomlaboraĵoj, doktorigaj disertacioj kaj de aliaj universitatnivelaj aktivecoj. Post la Eötvös Lorand-Universitato en Budapeŝto la Humboldt-Universitato en Berlino estas la dua en la mondo, kiu enkondukis interlingvistikon en la rango de docenteco.**

# TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

"Monumento el Irano" - sub tiu titolo "SAT-Amikaro" (januaro 1988) aperigas ĉefartikolon (antaŭparolon) de eldonisto Monsen Ramezani el Teherano, kiu skribas pri la interesa libro "La Rdbaioj" de la fama persa sciencisto Omar Kajjam (1040-1123), tre bone konata"... kiel Sokrato, Epikuro, Ŝekspiro, Moliero, Niĉeo, Tolstojo k.a. "La verkon tradukis en Esperanton antaŭ jaroj prof. Gaston Waringhien! La robaioj aperis en 10 000 ekzempleroj, en 712 paĝoj, en 30 lingvoj, inter kiuj Esperanto - kun 7-koloraj iranmanieraj ornamaĵoj en la marĝenoj de teksto. Kiel klarigas Henri Masson en sia artikolo (post la antaŭparolo de la eldonisto Ramezani), pro teknika preseraro la nomo de la tradukinto de "La Rabaioj" G.Waringhien estas preterlasita (tre domaĝe). Sed oni intencas, laŭ peto de konata irana esperantisto d-ro Saheb-Zamani, kiu helpis por la eldono de la verko kaj kies edzino sino Jila esperantigis la antaŭparolon de la eldonisto. Laŭ peto de d-ro Saheb Zamani la eldonisto promesis estontan apartan eldonon de 2-lingva verko: Esperanta-persa.

Kun la permeso de la Irana ministerio de la informado la valora verko de Omar Kajjam, malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj, aperis kaj H.Masson konkludas sian bondeziron: "...kaj la okazon esprimi deziron de paco, socia progreso kaj prospero al Irano."

"KOOPERATIVA STELO" - la nova E-periodaĵo de la nova E-organizo Internacia Kooperativa Esperanto-Organizo (IKEO) aperigas ĉefan artikolon de s-ro John Harrison el Britio. Menciante pri la nova IKEO, li bondeziras al ĝi kaj al la E-kooperativanoj sukcesojn en ilia nobla laboro. Àrpad Abonyi-Nagy, redaktoro de "Kooperativa Stelo" en sia artikolo-VI ĉapitro pri la historio de la Kooperativa E-movado-rakontas pri la "Fatala evento", kiam oni starigis al la granda Internacia Kooperativa Alianco eldoni sian organon ankaŭ en Esperanto, krom en aliaj tri lingvoj. La tiama ĝenerala sekretario de la Alianco H.I.May sen argumentado lakonece: ne! Tiun proponon faris Jan Zawada, redaktoro de la tiama "Ĉielarka Standardo" kun tri subskriboj. Oni ne komprenis kial "ne". Ĉu pro manko de mono, ja la Asocio

estas riĉa organizaĵo tutmonda. Zawada ne estis ĝisvivinta la ĝojan momenton, kiam pasintjare, ree en Varsovio, dum la fondiĝo de IKEO ĝin salutis la direktoro de IKA en la nomo de duonmiliardo da kooperativanoj, esprimante samtempe sian kunlaboremon kun la Esperanto-Movado.

Ivan ESPEROV

---

Niaj vojaĝimpresoj

## HISPANAJ IMPRESOJ KAJ DIALOGOJ

Iun frumatenon de pasintjara septembro ni transiris la franc-an-hispanan landlimon ĉe Cerbère kaj Port Bou kaj vagonare tra Barcelono ni direktiĝis al Madrido, proklamita en 1606 de reĝo Filipo III ĉefurbo de la unuiĝinta lando.

Hispana tero! Nek unu arbo ĝis la horizonto! Nur tie kaj tie - sur la rokaj deklivoj de la montoj - kreskis arĝentgrizaj malaltaj oliv- kaj migdalarboj, avelarbustoj... "Ĉu tio estas Hispanio?" - demandis mi surprizite kun iom da elreviĝo la sidantan apud mi kunvojaĝanton. - "Jes, tia estas Centra Kastilio" - li respondis... Tamen pli poste, dum mia preskaŭ unumonata vojaĝo tra la lando, mi konstatis, ke estas kelkaj Hispanioj kun multaj ĉarmaj montaroj kaj ĉarmaj lokoj, kun densa kreskaĵo, kun senlime grandaj oranĝplantejoj...

Post Taragono kaj Zaragozo tra sennombraj tuneloj la vagonaro eniris la valon de rivero Ebro. Longa oazo kun maizkampoj, salikoj kaj olivarbaroj laŭ ambaŭ riverbordoj. La legenda, historia Ebro! Ĉi tie dum la civitana milito en 1936 sangoverŝe batalis la revolucia respublika armeo kontraŭ la faŝistajn trupojn de generalo Franko. En la taĉmentoj de la Popola Fronto batalis ankaŭ internaciaj brigadoj, en kies vicoj estis ankaŭ bulgaroj (inter ili esperantistoj). Dekoj el ili restis por ĉiam en la hispana tero...

- - - - - - - - - - -

Atendis min ĉe la centra stacidomo Madrid-Chamartin mia bona José Fernandez Arroyo - konata hispana poeto, pentristo kaj skulpisto, aktiva esperantisto. Kune kun li antaŭ kelkaj jaroj ni pasigis agrablajn tagojn dum la Unua Internacia festivalo de foto-kino-amatoroj-esperantistoj (ILEF), okazinta en Pisanica, Bulgario. José estis ravita de mia

lando kaj dediĉis inspiritajn poemojn kaj filmbildojn al ĝiaj naturbelaĵoj. Nun en lia artisme aranĝita loĝejo en Madrido ĝis meznokto ni babilis kaj rememoris agrablajn travivaĵojn, komunajn amikojn. Dum mia restado en Hispanio José estis mia gastigānto kaj akompananto.

Sur strato Atocha en la centra parto de la urbo en la salonego de Madrida Esperanto-Liceo mi renkontiĝis kun liceanoj, venintaj bonvenigi samideanon el fora Bulgario kaj aŭskulti mian prelegon pri la bulgara esperantista movado kaj pri ties internaciaj rilatoj. La simpatia juna prezidantino de MEL s-ino Gaudalupe Sanz Bueno prezentis min kaj anoncis la renkontiĝon kiel vesperon de hispana-bulgara amikeco. Dum mallonga ceremonio mi transdonis al la ĉeestantoj la salutojn de la bulgaraj esperantistoj kaj enmanigis al s-ino Bueno jubileajn medalojn, per kiuj la Centra Estraro de BEA distingis elstarajn hispanajn esperantistojn okaze de la 80-jariĝo de nia asocio. Kiel specialan donacon mi transdonis metalan plaketon kun bareliefo de d-ro Zamenhof okaze de la 100-jara jubileo de Esperanto.

Ni tuŝis la malnovajn rilatojn inter Hispanio kaj Bulgario - du malproksimaj landoj, sed proksimaj pro siaj historiaj sortoj. Multajn bulgarajn kaj hispanajn esperantistojn ligas sincera amikeco. Adonis Gonzales Meana - esperantisto-veterano el urbo Gijon estas libervola peranto de revuo "Bulgara Esperantisto" kaj jam de jaroj zorgas pri ĝia regula disvastigo en Hispanio. Fruktodonaj estas la kontaktoj inter la hispana kaj la bulgara E-muzeoj, kiuj interŝanĝas valorajn eldonaĵojn-esperantaĵojn. S-ro Luis Yzal, fondinto kaj direktoro de Hispana E-muzeo en Sant Pau d' Ordal, kune kun sia edzino estis oficialaj gastoj en la festaj aranĝoj en Veliko Târnovo okaze de la 75-jara jubileo de Bulgara Esperantista Asocio. Kelkaj junaj hispanaj esperantistoj jam laboris sur la grenkampoj de Bulgario en diversaj internaciaj junularaj E-laborbrigadoj. Hector Alos el Katalunio edziĝis al la bulgara esperantistino Adriana Berberova, instruistino el Kjustendil, kaj ili jam havas fileton.

Mi akceptis kun ĝojo la inviton gasti ĉe miaj malnovaj amikoj kaj kolegoj Ada Sikorska, ĉefredaktoro de "Heroldo de Esperanto", kaj Gian Carlo Fighiera,

respondeculo pri financoj ĉe UEA. Dum la intima amika vespermanĝo en ilia hejmo ni pridiskutis ankaŭ problemojn pri vigligo de Internacia Gazetara Servo ĉe UEA kaj pri pli intima kunlaborado kun TEĴA - por novaj sukcesoj de nia informlaboro favore al Esperanto. Ada montris al mi sian redaktejon, en kiu mi trovis modelan ordigon de laborloko kaj necesaj helpiloj. Ŝerce, sed tute prave, mi nomis Ada "redaktoro kun cent manoj", ĉar fakte ŝi plenumas la tutan redaktan, organizan kaj financan laboron por "Heroldo".

En MEL oni montris al mi riĉan bibliotekon kun esperantaĵoj, inter kiuj multaj bulgaraj libroj. MEL eldonas monatan bultenon "Nia Voĉo" - kvarpaĝa, modeste aranĝita, stencile presata, kiu plenumas praktikajn taskojn de informilo kaj interligilo inter la liceanoj. Bulgarajn esperante eldonitajn librojn mi trovis ankaŭ en la librovendejo "Esperanto" en Barcelono, kies posedanto estas s-ro Salvador Aragay, prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio. Dum amika renkontiĝo kun barcelonaj esperantistoj en la klubejo de HEF, mi dekoris s-ron Aragay per ora jubilea medalo de BEA. Reciproke li donacis al mi la nacian katalunian flagon kaj kelkajn interesajn librojn en Esperanto. Ege utilaj estis la interparoloj kun la junaj redaktoroj de revuo "Juneco", eldono de Hispana Junulara Esperanto-Sekcio Jesuo Armengol, Ferriol Masip kaj Felip Artero - tre ambiciaj junuloj, kiuj deziras establi pli intimajn kontaktojn kun bulgaraj esperantistoj.

Interesa kaj fruktodona estis nia vizito en la Esperanto-Muzeo en Sant Pau d' Ordal, kie min gastigis familio Yzal - posedantoj kaj organizantoj de tiu riĉega E-kolekto. Eble la kvara en la mondo - laŭ la nombro de esperantaĵoj, sed vere unika, aranĝita en speciale konstruita domo je propraj kostoj de familio Yzal! Nur plej simpla statistiko sufiĉas, por ke oni havu ĝeneralan imagon pri la kolekto de la muzeo: 4557 libroj en aŭ pri Esperanto, 1500 broŝuroj, 3860 jarkolektoj de 3110 diversaj titoloj de gazetoj, 1700 skatoloj kun nekompletaj jarkolektoj, 1864 skatoloj kun korespondaĵoj, kongresaj insignoj, standardoj de E-societoj, flagetoj, kongreslibroj, kaj multaj, multaj aliaj. Ni ne forgesu ankaŭ la propran komputilon, per kiu s-ro Yzal prilaboras siajn riĉaĵojn!

Donĉo HITROV

## MIAJ RENKONTOJ KUN VIENAJ ESPERANTISTOJ

Duan fojon pasintjare mi vizitis Vienon. La unuan fojon mi venis en la aŭstrian ĉefurbon antaŭ tri jaroj survoje al la 70-a Universala Kongreso de Esperanto en Aŭgsburgo (FR Germanio). Celo de mia dua vizito estis starigi oficialajn rilatojn inter Bulgara Esperanto-Muzeo en Sofio kaj Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno.

Mia dusemajna restado en Vieno postlasis al mi belegajn kaj neforgeseblajn impresojn, estis ligita kun multaj personaj renkontoj kaj interesa interŝanĝo de opinioj. Nun mi sincere povas diri, ke ĝi certe malsukcesus, se ne estus la malavara samideana helpo de vienaj esperantistoj kaj aparte de s-ino Irma Sandner kaj s-ro Emil Vokal, kiuj kore bonvenigis min en la Suda Stacidomo kaj loĝigis min en junulara gastejo, donis al mi ĉiujn necesajn bazajn informojn pri Vieno, Internacia Esperanto-Muzeo. Ili invitis min ĉeesti kunvenojn de vienaj E-grupoj "Verda Stelo" kaj "Harmonio", kunsidon de "Aŭstria E-Instituto".

Mag. Herbert Mayer, direktoro de la Internacia Esperanto-Muzeo, detale konigis al ni la historion de la Muzeo, ĉiujn ties ekspoziciojn kaj kolektojn, afable disponigis al ni la deziratajn librojn, pacience kaj funde respondis ĉiujn niajn demandojn rilate la funkciadon de la Internacia Esperanto-Muzeo. Cele al estonta regula kunlaboro inter la Internacia Esperanto-Muzeo kaj Bulgara Esperanto-Muzeo estis efektivigita interkonsento interŝanĝi po unu ekzempleron el ĉiuj aperintaj esperantaĵoj en Aŭstrio kaj Bulgario. Mag. Herbert Mayer esprimis deziron viziti Bulgarion aŭtune ĉi-jare por konatiĝi kun la aranĝo kaj funkciado de la Bulgara Esperanto-Muzeo kaj subskribi kontrakton pri kunlaboro inter ambaŭ muzeoj. Fine mag. Mayer estis tre afabla doni intervjuon por revuo "Bulgara Esperantisto".

Antaŭ jardekoj en Vieno estis vigla Esperanto-vivo, agadis proksimume 40 Esperanto-grupoj, kiuj en la daŭro de la tempo reduktiĝis al kvin. Mi vizitis kunvenojn de la grupoj "Verda Stelo" kaj "Harmonio", kiuj ĉiusemajne okazas en la modesta, tamen plaĉe aranĝita kunvenejo kaj oficejo (nomata Esperanto-centro), proksime al la Okcidenta Stacidomo.

Regis agrabla etoso. Mi parolis pri la bulgara Esperanto-movado, pri Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica kaj amike babilis unuope kun anoj de ambaŭ grupoj. En mia memoro engravuriĝis la interparoloj kun s-ino Hofbauer, s-roj Braun, Patek kaj Vokal.

Mi havis ankaŭ la honoron ĉeesti kunsidon de Aŭstria Esperanto-Instituto, en kiu s-ino Grete Breunlich voĉlegis memorprotokolon pri instituta kunsido en julio 1987. Temis pri la Jubilea Konferenco en Gras (Aŭstrio) pasintan someron. Poste s-ino Breunlich kritike pritaksis la haveblajn Esperanto-prospektojn dum la menciita Konferenco en Graz. Sekvis vigla diskutado pri tuŝitaj demandoj. Fine oni donis al mi la parolon kaj mi informis pri la Esperanto-vivo en Bulgario kaj sukcesoj de Bulgara Esperantista Asocio, atingitaj en la lastaj jaroj. Mi havis interesajn interparolojn kun s-ino Breunlich, s-roj Mudrak kaj Grimme, kun d-ro Beckmann.

Laŭ invito de s-ro Emil Vokal, prizorganto kaj parolisto de la Esperanto-Redakcio de Radio Vieno, mi kune kun s-ro Hugo Röllinger kaj ties edzino vizitis Radion Vieno - la Poreksterlandan Servon sur mallongaj ondoj, por fari paroladeton en la Esperanto-disaŭdigo. S-ro Vokal gvidis nin al bela moderna konstruaĵo de Radio Vieno sur altaĵo "Küniglberg". Per lifto ni veturis al ties lasta etaĝo, de kie ni ĝuis ravan panoramon de la aŭstria ĉefurbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Poste ni iris al la studio por surbendigoj. Tie atendis nin d-ro Karl Beckmann, redaktoro de la esperantlingvaj disaŭdigoj de Radio Vieno. En mia paroladeto, elsendita la 16-an de aŭgusto, mi konigis la celon de mia vizito kaj miajn impresojn pri Vieno.

Fine mi esprimis koran dankon al ĉiuj vienaj esperantistoj, kiuj helpis kaj sukcesigis mian restadon en Vieno. Mi ĝojas, ke mi konatiĝis kaj interparolis kun multaj vienaj esperantistoj, kies nomojn mi ofte aŭdas en la rubriko "El nia leterkesto" de la Esperanto-elsendoj de Radio Vieno. Agrable impresis min la ĝentileco kaj gastameco de vienanoj kaj ĝuis famajn vidindaĵojn de Vieno - metropolo de la muziko kaj arto.

Vieno - Sofio

Evgeni GEORGIEV




## DUA ILEF-FESTIVALO OKAZIGOTA OKTOBRE

En la jarkunveno de unuiĝintaj organizaĵoj ILEF kaj TEĴA, okazinta dum la Jubilea Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio pasintjare, la estraro de ILEF anoncis sian decidon okazigi la Duan internacian festivalonde esperantistoj-foto-kino-amatoroj en urbo Vraca (Nordokcidenta Bulgario) de la 10a ĝis la 15a de oktobro 1988 sub la devizo: "POR PACA MONDO,PURA ĈIELO KAJ AMIKECO".

La festivalon povas partopreni membroj de ILEF kaj TEĴA,apartaj kino-foto kluboj kaj tiesanoj per kolektivaj aŭ individuaj verkoj en unu el la tri sekcioj (aŭ en ĉiuj tri sekcioj) de la festivalo: 1) Kino, 2) Foto, 3) Magnetofono - laŭ sia prefero, kondiĉe ke la verkoj rilatas al la devizo de la festivalo.

- En sekcio "Kino" povas esti prezentitaj ne pli ol 5 amatoraj filmoj el ĉiuj ĝenroj sur 8-mm, "Super-8" aŭ 16-mm filmbendoj (koloraj aŭ nigra-blankaj) - sonigitaj aŭ kun aparta sinkronigita sonigado sur magnetbendo.

- En sekcio "Foto" povas esti prezentitaj apartaj fotografaĵoj aŭ serio de fotografaĵoj - unueca laŭteme, ĝis 15 verkoj,koloraj aŭ nigra-blankaj, je formato 18/24 cm, 24/30 cm kaj 40/50 cm - kun taŭga moto aŭ subskriboj. En la konkursa programo povas esti prezentitaj ankaŭ koloraj diapozitivoj - ĝis 50 verkoj de ĉiu konkursonto.

- En sekcio "Magnetofono" povas esti prezentitaj surbendigoj de eldiroj de eminentaj agantoj de la monda E-movado, de individuaj aŭ kolektivaj plenumoj de esperantaj kantoj, deklamadoj ktp. Ĉiu konkursonto povas prezenti surbendigojn en kasetoj aŭ en bobenoj, kies tempodaŭro estas ne pli ol 1 horo.

Noto: Por preventi eventualajn perdojn aŭ neniigojn de filmoj, fotoj aŭ surbendigoj, ĉiuj konkursontoj devas kunporti siajn konkursaĵojn kaj mem zorgi pri ili antaŭ kaj post ilia prezentado en la konkursa programo. La konkursontoj estas petataj sciigi la Organizan komitaton pri la nombro de siaj konkursaĵoj, pri iliaj temoj, formato kaj tempodaŭro, por ke oni povu ilin plani en la programo.

Speciala ĵurio priĵuĝos la konkursaĵojn en ĉiuj sekcioj kaj disdonos premiojn (unua,

dua, tria kaj kuraĝiga - po unu en ĉiu sekcio).

La Granda Premio estas "Fluganta arĝenta kolombo" laŭ projekto de José F.Arroyo el Hispanio.

Al ĉiuj partoprenantoj en la festivalo estos enmanigitaj specialaj diplomoj-atestiloj.

Al ĉiuj partoprenantoj estos certigitaj favoraj viv- kaj laborkondiĉoj je malaltaj taksoj. Varia festivala programo kaj ekskursoj en la pitoreskaj ĉirkaŭaĵoj de Vraca estas planitaj.

Ĉiu deziranto partopreni la festivalon devas sendi konfirmleteron plej malfrue ĝis la 31a de aŭgusto 1988 al la adreso de la Centra Oficejo de ILEF - bulv. Ĥristo Botev 97, 1303-Sofio, Bulgario - por la Dua ILEF-festivalo en Vraca.

LA DUA ILEF-FESTIVALO ESTU NIA GRAVA ARTA KAJ PORPACA MANIFESTACIO!

GASTAMAJ VRACANOJ ATENDAS VIN!

La estraroj de TEĴA kaj ILEF

# Ricevitaj esperantaĵoj

- Poemaro de paco - eldono de UEA, 1986, paĝoj 44.

- Beletraj eseoj - de Georgi Miĥalkov - poeziaj kaj prozaj, kun biografiaj notoj pri la aŭtoroj, menciitaj en la eseoj, recenzis Canko Murgin. Skizo pri la aŭtoro de Venelin Mitev. Paĝoj 116. Eldonis Bulgara E-Asocio, 1987, prezo 0.46 lv.

- Por paco, internacia sekureco kaj nacisendependo - kontraŭmilitaj deklaroj, pri la politiko de vjetn. kompartio k.a. Fremdlingva eldonejo, Hanojo 1986, paĝoj 148.

- VI tutlanda kongreso de Vjetnama kompartio-rezolucioj. Hanoja eldonejo, 1987, paĝoj 24.

- ĈEDOK - prezentas al vi Ĉeĥoslovakion-multkolora, multpaĝa faldfolia prospekto kun interesaj bildoj, faktoj k.a. pri Ĉeĥoslovakio.

---

NI FUNEBRAS

Kun bedaŭro ni sciigas, ke subite forpasis nia malnova membro Petâr Il. Vlasev el urbo Karlovo. Ĉe lia enterigo en 12a de januaro 1988 funebre parolis nia ĉefredaktoro Iv.Esperov.